Esperanto servu pacon!

# A K T U A L E

Monata informilo de Sovetia Esperantista Junulara Movado

La agadjaro 1976/77 N°4 (37) Decembro

## LA KOMITATO LABORAS

La 15-an - 19-an de decembro en Moskvo okazis kunsido de la SEJM-Komitato. Ĝin partoprenis vicprezidantoj de SEJM A.Melnikov, V.Arolovič, D.Cibulevskij, P.Jegorovas, V.Sapoĵnikov.

La komitatanoj interŝanĝis informojn pri farita laboro, prezentis unu al la aliaj siajn individuajn laborplanojn. Ni detale analizis plenumon de la komuna laborplano kaj konkludis, ke plejparto da eroj estas plenumata, tamen ne mankas prokrastoj. Inter diversaj obstakloj, malrapidigantaj la laboron, la ĉefa estas, ke dume la Komitato agas sen prezidanto, kio certe malfaciligas plurajn aktivecojn.

Inter demandoj, traktitaj dum la kunsido, plej gravaj estas la jenaj.

La Komitato pridiskutis kaj aprobis la novan Taksan Demandaron, kiu eniros la baldaŭ aperontan Jarlibron de SEJM. La plisimpligita TD ne plu enhavas diversajn balastajn aktivecojn, kiuj ne povis decide influi la distribuon de lokoj en la socialisma konkurado kaj nur plipezigis la sekretarian laboron.

Estis priparolita la demando pri organizo de la interregionaj tendaroj kaj Konferenco. Konsiderante, ke la okazontaj tendaroj estas SEJM-gravaj aranĝoj, havantaj rektan devenon de ĝisnunaj SEJToj, kontinue daŭrigantaj iliajn tradiciojn kaj organizendaj konforme al la Regularo de SEJT, la Komitato decidis titoli ilin jene: 19-a Okcident-Sovetia Esperantista Junulara Tendaro (OkSEJT-19) kaj 19-a Orient-Sovetia Esperantista Junulara Tendaro (OrSEJT-19). Estas decidite ambaŭ SEJTojn dediĉi al la 60-a datreveno de la Granda Oktobro kaj antaŭvidi konformajn aranĝojn en la programoj.

Konforme al la decido N°43 de la 10-a SEJM-Konferenco la Komitato ellaboris normojn de reprezentiĝo de la kluboj en la 11-a Konferenco. Aŭtomatan partoprenrajton havas ĉiuj membroj de SEJM-Konsilantaro (kun decidaj voĉoj) kaj Honoraj Aktivuloj de SEJM. Aldone la kluboj - membroj rajtas partoprenigi en la Konferenco depende de la kategorio - A,B,C - respektive po 4,3,2 personojn, la kluboj - kandidatoj - po 1. La kolektivaj subtenantoj kaj la kluboj, kiuj intencas kandidatiĝi al SEJM, rajtas sendi po 1 reprezentanton.

Laŭ la decido N°25 de la 10-a Konferenco la komitatanoj pridiskutis la demandon pri fondo de Interlingvistika fako. Konsultiĝoj kun gvidantoj de la Problema grupo pri interlingvistiko ĉe Lingvoscienca Instituto montris, ke fondo de tia fako en SEJM estus utila por helpi al la Problema grupo. Tial la Komitato decidis fondi la Interlingvistikan fakon de SEJM. La gvidado de la fako estas komisita provizore (ĝis konfirmo fare de la SEJM-Konsilantaro) al B.Kolker (Ufa).

La Komitato pridiskutis la formon kaj enhavon de la informilo "Kurte" kaj akceptis decidon, kiu estas publikigata aparte.

La komitatanoj ĉeestis vesperon en Domo de amikeco, organizitan honore al la E-gvidantoj el socialismaj landoj, venintaj por sia 9-a Konsultiĝo al Moskvo. Dum la vespero, kiu pasis en tre amika esperantista etoso, ni havis interesajn kaj reciproke utilajn konversaciojn kun la gastoj. Fine de sia restado en la ĉefurbo la ko-

mitatanoj partoprenis kunvenon de Moskva Internacia E-klubo, interparolis kun ties aktivuloj. Laste, okazis fruktodonaj vizitoj al gvidantoj de la E-Komisiono ĉe SSOD.
La komitatkunsido plian fojon montris gravecon kaj neceson de personaj kontaktoj inter la gvidantoj de SEJM. Sekva renkontiĝo de la komitatanoj estas planita por printempo.

V.Aroloviĉ, vicprezidanto de SEJM.

* * *

La Komitato de SEJM notis, ke la redaktoro de "Kurte" V.Ŝilas, strebante al nenecesa sensacieco, en kelkaj numeroj de la informilo publikigis sciigojn, kies formo kaj tono rekte kontraŭas la decidon de la 10-a SEJM-Konferenco: "Firmigi kunlaboron de SEJM kaj ĝiaj kluboj kun la E-Komisiono de SSOD".
Pro tio la Komitato decidis anonci al V.Ŝilas riproĉon kaj atentigi lin, ke la publikaĵoj en "Kurte" ne estu malkonformaj al la taskoj de SEJM.

"RE-DENOVE" PRI SEJM-DELEGITOJ

"Re", ĉar "denove" jam estis en "A"-11(26). Pasis pli ol jaro post tiu "voĉo de krianto en dezerto", sed reagoj preskaŭ mankas. Eble oni jam forgesis, pri kio temas. Do mi rememorigu.
Por ordigi kaj plibonigi kontaktojn de SEJM-anoj kun eksterlandaj turistoj - esperantistoj estas kompilata listo de SEJM-Delegitoj (D) kaj Vicdelegitoj (VD), kies adresoj estos prezentitaj al Monda Turismo, TEJO kaj pluraj Landaj Asocioj de TEJO. Devo de D kaj VD estos helpi al tiuj eksterlandaj esperantistoj, kiuj turnas sin al ili kun peto ĉiĉeroni, aŭ aranĝi renkontiĝon kun loka E-klubo, aŭ fari ion similan.
Por fariĝi D aŭ VD necesas sendi al mi (344007 Rostov-Don-7, ab. jaŝĉik 393) karakterizon, subskribitan de la loka SEJM-reprezentanto, la detalajn kaj precizajn adreson, telefonnumeron, nomon.

A.Melnikov, unua v/p de SEJM.

OSER-27 EN KRASNOJARSK

Dum la 6-a - 8-a de novembro en Krasnojarsk okazis OSER-27, kiun partoprenis 57 geesperantistoj (29 - el Krasnojarsk) el 13 lokoj de Siberio (10 urboj, 3 vilaĝoj). La renkontiĝo estis organizita en la urba Kulturpalaco, kun bona subteno de gorkomoj de VLKSM kaj KPSU. Estis arenditaj moderna aŭtobuso por ĉiuj tri tagoj, bonaj kunvenejoj ktp. Dum la solena malfermo elpaŝis reprezentanto de la urba komitato de VLKSM kaj enmanigis honorfolion al krasnojarska E-veterano P.D.Agapov. Okazis aŭtobusaj ekskursoj tra la urbo kaj al Krasnojarska HES, seminario por aktivuloj, bankedo, vesperoj ktp. La gastoj loĝis en studenta hotelo.
Dum OSER-27 funkciis E-ekspozicio, E-butiko. Estis eldonitaj specialaj kudremblemoj por ĉiuj partoprenintoj. La decidoj de la renkontiĝo kaj la adresaro estos eldonitaj kaj dissenditaj al ĉiuj, kiuj partoprenis OSER-on. En la regiona partia organo - ĵurnalo "Krasnojarskij raboĉij" la 1-an de decembro aperis artikoleto "Sljot esperantistov Sibiri".

Informis Krasnojarska Esperantista klubo.

## HELPU AL KORESPONDA SERVO

Dum la lasta Konferenco estis esprimita la opinio, ke ne valoras publikigi en "Aktuale" adresaron por korespondado, ĉar Koresponda servo helpas ligi personajn kontaktojn. Mi petas la leganton kaj redaktoron esprimi siajn opiniojn, tre necesajn por mia laboro.

Mi petas sendi al mi superfluajn kaj por vi ne taŭgajn adresojn de eksterlandaj esperantistoj, se vi havas tiajn, por ke mi povu utiligi ilin por aliaj korespondemuloj.

Dezirante al ĉiuj SEJM-anoj kaj subtenantoj feliĉan kaj agrablan Novjaron -

S.Neilande, estrino de la Koresponda servo.

OPINIO DE LA REDAKTORO: La Koresponda servo havu sliparon de nialandaj korespondemuloj kun indikoj pri iliaj interesoj, aĝoj ktp. Kiam venas korespondpeto el eksterlando, la servo unue serĉu konvenan korespondanton en la sliparo por sendi la ricevitan adreson rekte al li (ŝi). Nur se en la sliparo ne troviĝos necesa persono, indos anonci la adreson kun akompanaj donitaĵoj en "Aktuale".

## AL UTILA INICIATO - VERDAN LUMON!

Dum la 10-a SEJM-Konferenco V.Sapoĵnikov parolis pri neceso krei helpilon por informi la novicojn pri Esperanto, ĝia historio, ĝiaj homoj ktp. Jen en niaj manoj estas ruslingva tajpita librego 300-500-paĝa, kun gravaj artikoloj, fotaĵoj, eltranĉaĵoj el gazetoj, eĉ glumarkoj kaj adresstampoj. La libro havas kvar ĉapitrojn: 1) Historio de E-movado, 2) El pasinteco, 3) Problemoj de esperantologio, 4) Bibliografio.

Ĝi estas "Fajrero de Esperanto", volumo XII, 1968, eldonita de Nikolaj Ivanoviĉ Ŝumarin el Ivanovo - modesta bibliotekisto-veterano, jam forpasinta. Li eldonadis la duonjaran artikolaron per sia propra mono kaj sendadis al 8 - 10 aktivaj E-kluboj de nia lando.

Dum USEA-renkontiĝo, okazinta novembre en Ĥarkovo, ĉiuj partoprenantoj avide foliumadis la libron kaj esprimis deziron ekhavi ion similan por siaj klubaj bibliotekoj. Kial ne daŭrigi la utilan iniciaton de la veterano? Nuntempa stato de SEJM-agado permesas tion, ĉu ne?

Ni povos pretigi - certe, kun helpo de tuta nia esperantistaro - por la maja renkontiĝo "Fajreron-XIII". Jam nun en nia dispono estas deko da gravaj artikoloj: Komuna deklaro subskribita de R.Ĉandra kaj N.Aleksiev; Nia bardo - Hilda Dresen; Esperanto kaj lingvistoj (R.Sikorskij); Poeto de la revolucio E.Miĥalskij; Esperanto en komsomola literaturo (S.Izmajlov); Instruistino de V.Jeroŝenko (G. Armand-Tkaĉenko); Esperanto - mia amo (B.Kolker); rememoroj de S.N. Podkaminer kaj V.A.Glazunov pri SAT-Kongreso ktp.

E-kluboj, havantaj rusliteran tajpilon, deziron kunlabori kaj interesajn materialojn, bonvolu reeĥi! La adreso: 280016 Ĥmelnickij, Gorodskoj dom kulturi, E-klub.

V.Korsun, A.Rogov (Ĥmelnickij).

## "MOSKVAJ NOVAĴOJ" - PRI ESPERANTISTA RENKONTIĜO

La angla, franca kaj hispana eldonoj de "Moskvaj novaĵoj" en la №52(2728), datita 25.12.76., sur la 9-a paĝo en la rubriko "En la Domo de Amikeco" publikigis informon, ke reprezentantoj de E-organizaĵoj de Bulgario, Pollando, Ĉeĥoslovakio, GDR, Hungario kaj USSR renkontiĝis por decidi pri kunlaboro lige kun la 60-a datreveno de la Granda Oktobra Socialisma Revolucio.

BONVENON AL UKRAINA URBO POLTAVO!

Poltavo estas ne tre granda, historia kaj moderna urbo, kiu situas sur ambaŭ bordoj de la rivero Vorksla. Ĝi estas konata en la tuta mondo pro la fama batalo kontraŭ svedoj, okazinta en la jaro 1709. Honore al la venko de la rusa armeo estis konstruita monumento de Gloro, kiu staras en la centro de la urbo. Nun la urbo estas industria, scienca, kultura kaj administra centro de Poltava regiono.

La 12-an de julio 1974 la poltavanoj solene festis la 800-jaran jubileon de la fondiĝo de la urbo. Dum la Granda Patrolanda milito Poltavon okupis la faŝistaj trupoj. Sed la partizanaj taĉmentoj, patriotaj grupoj, unuopaj komunistoj kaj komsomolanoj heroe batalis kontraŭ la okupantoj kaj helpis al Soveta Armeo liberigi la urbon. La poltavanoj rekonstruis sian ruinigitan kaj bruligitan urbon. Nun ĉie oni povas vidi kelketaĝajn domojn, belajn historiajn kaj memorindajn arkitekturajn konstruaĵojn kaj monumentojn.

Poltavo nombras pli ol 260 mil loĝantojn. En la urbo estas 5 institutoj, 7 teknikaj mezlernejoj, pluraj scienc-esploraj institutoj, multaj fabrikoj; ne mankas restoracioj kaj kafejoj, multnombraj vendejoj ktp.

Tra longaj kaj larĝaj stratoj veturas aŭtobusoj, trolebusoj, aŭtomobiloj kaj motorcikloj. La urbo havas du fervojajn kaj tri aŭtobusajn stacidomojn kaj flughavenon. La urbanoj ofte promenas en la ripozparkoj, ĝardenoj kaj skvaroj.

La poltavanoj fieras pri la vidindaĵoj de sia urbo, ĝia historio, fama pasinteco, pri bonkoraj kaj diligentaj homoj de nuntempo. Ili preparis siajn labordonacojn por digna renkonto de la XXV-a Kongreso de KPSU kaj honore plenumis siajn solenajn promesojn. La urbo atingas novajn sukcesojn en laboro, studado kaj soci-utila agado.

V.Grigorenko (Poltavo).

LABORTAGOJ DE POLTAVAJ GEESPERANTISTOJ

Ĝis la aŭtuno 1975 en Poltavo fruktodone funkciis nur la E-klubo ĉe la fakultato de sociaj profesioj de Poltava Agrikultura instituto (prezidanto de la klubo - A.Kolesnik, gvidanto - V.J.Noĉovkin), kies 10-jaran jubileon ni festis ĉi-jare, kaj E-sekcio de Klubo de internacia amikeco ĉe Poltava Teknika lernejo de soveta komerco (la sekcion gvidas O.D.Ŝmalko).

En septembro 1975 la urba komitato de Komsomolo subtenis la iniciaton de E-entuziasmuloj fondi urban E-klubon de studentoj, lernantoj, oficistoj kaj laboristoj. La ĉefa tasko de nia klubo estas kune kun la Kluboj de internacia amikeco evoluigi kaj profundigi la amikajn ligojn kun eksterlando pere de E-korespondado surbaze de la soveta patriotismo kaj proleta internaciismo.

Tion antaŭis granda klariga kaj propaganda laboro. En interparoloj kaj prelegoj la esperantistoj rakontis al la samurbanoj pri la lingvo Esperanto kaj ĝia signifo por la nuntempa homo. Komence kun la sekretarioj de komsomolaj organizaĵoj kaj poste kun la superaj pionirgvidantoj de mezlernejoj okazis vastaj klarigaj interparoloj, post kiuj ili mem komencis propagandi Esperanton en siaj laborlokoj. Por helpi ilin la urba komitato de Komsomolo dissendis afiŝon-anoncon, kompilitan de mi. Kelkaj distriktaj ĵurnaloj de Poltava regiono publikigis miajn artikolojn pri Esperanto. Kaj nia regiona radio envicigis en la ŝatatan de la aŭskultantoj disaŭdigon dufoje miajn rakontojn pri la Internacia Lingvo kun originalaj scenoj, gustalokaj komentoj kaj alvoko al la aŭskultantoj studi Esperanton.

Ĉio ĉi kontribuis al tio, ke en nia urbo multaj kun granda deziro aliĝis al la E-kursoj. Poste la komencantoj mem komencis propa-

gandi Esperanton en siaj stud- kaj laborlokoj. La estraro de Poltava Kulturdomo de sindikatoj, kie lokiĝas nia E-klubo, kreis ĉiujn necesajn kondiĉojn por enhavriĉa funkciado de la klubo, plene subtenas ĉiujn interesajn kaj gravajn E-entreprenojn. Ekzemple, kun ilia helpo ni organizis la printempan renkontiĝon, kiun partoprenis pli ol 50 aktivuloj el 13 urboj de Suda regiono. La 15-an - 16-an de majo en nia Kulturdomo de sindikatoj okazis la unua Konferenco de Ukrainia Societo de Esperanto-aktivuloj (USEA). Samtempe en la Kulturdomo funkciis ankaŭ granda E-ekspozicio, kiun organizis nia E-klubo.

La poltavaj geesperantistoj ĉiutage aktivas en la kursoj, aranĝas fotomuntaĵojn kaj standojn, prelegas pri Esperanto kaj organizas diversajn renkontiĝojn kaj amikecvesperojn kun koncertoj en Esperanto. Ili aktive partoprenas en respublikaj kaj tutsovetiaj E-renkontiĝoj kaj seminarioj. Ekzemple, lastatempe la poltavanoj partoprenis en la ukrainia renkontiĝo en Doneck, en "Esperanto kaj naturo" - VII kaj SEJT-18. Ofte la aktivuloj prelegas en sciencaj konferencoj pri originalaj kaj tre viglaj temoj, kiel ekzemple "Esperanto kaj kosmo", kiun preparis kaj prelegis en scienca konferenco ĉe Poltava Agrikultura instituto ĝia studento P.Paŝĉenko. Kaj komprenebLe, ni korespondas - ne nur kun diversaj urboj de Sovetunio, sed ankaŭ kun multa nombro da geesperantistoj el preskaŭ 50 landoj de Eŭropo, Azio, Afriko, Ameriko, Aŭstralio kaj Oceanio.

La poltava esperantistaro multjare estas en la vicoj de la plej aktivaj kluboj en Sovetunio. Lastjare en la socialisma konkurado de SEJM-kluboj ni okupis la kvaran lokon, kaj ĉi-jare la Poltava Urba Esperanto-klubo okupis la unuan lokon. Granda sukceso!

Nun ni, krom vigla laboro kun komencantoj en la E-kursoj (ĉe nia E-klubo funkcias ankaŭ korespondkursoj por eksterpoltavanoj) kaj alia diversa multfaceta agado, okupiĝas pri organizo de estontaj E-renkontiĝoj, pri preparo de la tendaro kaj Konferenco apud Poltavo.

V.Grigorenko, prezidanto de la Poltava Urba E-klubo.

## ATENTON! ATENTON!

I. La Prepara Komitato de OkSEJT-19 anoncas la konkursojn: 1) por la plej bona tendara kanto; 2) por la plej bona scenaro de Neptuna festo (la venkonta scenaro estas scenigota); 3) por la plej bonaj skizoj de la tendaraj insigno kaj emblemo. La materialojn sendu: 1) kaj 2) - ĝis la 1-a de aprilo, 3) - ĝis la 1-a de februaro. La venkontojn de la konkursoj atendas premioj. La rezultojn oni ekscios dum la tendaro. Ĉiuj aktive partoprenu!

II. La Prepara Komitato petas ĉiujn esperantistojn sendi siajn proponojn pri la programo de la tendaro. Viajn interesajn ideojn ni atendas ĝis la 1-a de februaro.

III. Ĉiuj, kiuj planas prelegi dum OkSEJT en la E-Universitato (prelegoj pri E-lingvo kaj movado, lingvistiko ktp.) kaj en la Somera prelegejo (diversaj scienc-popularaj prelegoj) estas petataj sendi la temojn de la prelegoj kun indiko de sia profesia ofico. Tio estas bezonata por ĝusta planado de la tendara programo. Limdato - ĝis la 1-a de marto.

IV. Por planado de la necesa kvanto de lokoj en OkSEJT-19 kaj la 11-a SEJM-Konferenco la Prepara Komitato petas ĉiujn E-klubojn informi ĝis la 15-a de januaro proksimuman kvanton de esperantistoj, kiuj partoprenos en la tendaro (precipe Ĉebaltia, Centro-Rusia, Suda regionoj) kaj Konferenco (ĉiuj SEJM-kluboj). Al la kluboj, kiuj ne sendos la anticipan mendon, ni ne garantias partoprenon en la tendaro kaj Konferenco!

La adreso de la Prepara Komitato de OkSEJT-19 estas jena:

Ukraina SSR, 314028 Poltava-28, ul. Ciolkovskogo 67, kv. 197, Grigorenko Vasilij Vasiljeviĉ.

NOTOJ DE LA SEJM-KOMITATO: a) antaŭmendante la lokojn por Konferenco, konsideru nian decidon pri ties distribuo (vidu sur p. 41); b) ĉiujn supremenciitajn materialojn, petatajn de la Prepara Komitato, sendu kun kopio al la vicprezidanto de SEJM pri renkontiĝoj: 197061 Leningrad P-61, Rentgena 21 - 121, Gilinskij Miĥail Jefimoviĉ

E-AGADO EN KAZAĤIO

La 20-an - 21-an de novembro en Ŝtata Konservatorio de Alma-Ata okazis E-renkontiĝo. Partoprenis ĝin gekursanoj de E-fakultativo ĉe la Konservatorio (gvidanto G.Gercikov), anoj de la E-kluboj "Verda Brigantino" kaj "Aŭroro" (gvidanto la sama), kelkaj esperantistoj el Alma-Ata (inter ili akademiano S.N.Bojev kaj profesoro M.M.Kopylenko). Al sukceso de la unua KER (Kazaĥia E-Renkontiĝo) bone kaj aktive kontribuis la gastoj - B.Anŝin (Ustj-Kamenogorsk), V.Jakovlev (Barnaul) kaj V.Andrejev (Ĉeljabinsk).

Post salutparoloj okazis demonstrado de lumbildoj pri E-aranĝoj en Sovetunio. Poste la mastroj invitis la partoprenantojn al organa koncerto, sekvis kantoj kaj poeziaĵoj en Esperanto.

Sekvatage okazis ekskurso al montaro, al la mondfama glaciejo Medeo. Dum tiu ekskurso la genovuloj estis bone paroligitaj de pli spertaj esperantistoj.

Ĝis malfrua vespero sonis sur sunaj stratoj de Alma-Ata gajaj E-paroladoj.

Sonu ili ĉiam kaj ĉie!

G.Gercikov (Talgar).

PRI "KURTE"

Hodiaŭ mi legis la artikolon "Pri la titolo de nia urĝa informilo" de G.Gercikov en "Aktuale"-3(36). La aŭtoron malagrable impresis la titolo de nia nova ekspresa informilo "Kurte". Al li tiu vorto ŝajnas malbela, kontraŭfundamenta vorto, senbezona neologismo. Jes, la vorto "kurta" estas nova kaj en la Plena Ilustrita Vortaro ĝi estas envicigita kun noto "neologismo", sed en la aldonita klarigo ni povas legi jenajn ĝiajn signifojn: "KURT/A. Mallonga: --a pafo (maltranse de la celo); radiofoniaj --aj ondoj (inter 300 kaj 10 m), --egaj (inter 10 kaj 1,50 m), ultra--aj (malpli longaj ol 1,50 m)." Do estas klare videbla, por kiaj celoj necesas tiu neologismo, ĉar en la Fundamento tiu vorto ne estas kaj ne povis esti, ja la vivo mem enkondukas novajn vortojn.

Mi ne estas lingvistino, sed mi trovas tre trafa la titolon "Kurte", kiu simile al radiaj ondoj alportas por ni la plej urĝajn novaĵojn.

S.Neilande (Riga).

KIAL "KURTE"?

La vorto "kurta" estas uzata de multaj radioamatoroj, ekz. "kurtaj ondoj". Ĉi tiu neologismo pli trafe, pli bilde reprezentas la ideon de io havanta malgrandan daŭron aŭ etendon (rimarku: la vorto "mallonga" estas pli longa ol "longa", kvankam ili esprimas ĝuste malajn ideojn). La titolo "Kurte" do draste atentigas la eblecojn de la informilo kaj neceson ŝpari la vortojn.

La lingvo estas senĉesa kreado. Ĉi tiu aserto speciale konvenas

por Esperanto. En ĝi, same kiel en ĉiuj evoluantaj lingvoj, oni rimarkas la tendencon: ofte uzataj multsilabaj vortoj, neoportunaj kunmetaĵoj k.s. ricevas koncizajn sinonimojn. Parto de ili, malgraŭ rezisto de konservativuloj, "forpuŝas" la malnovan formon kaj eniras la literaturan lingvon.

Tamen la "reformuloj" atencas preskaŭ nur la mal-vortojn, la fundamentajn radikojn oni ne kuraĝas tuŝi. Sed se atente registri la plej oftajn fundamentajn vortojn kaj iliajn formojn en la parola Esperanto, rimarkeblas certa postresto de E., kompare kun la naciaj lingvoj, en la ŝparado de sonoj. Ekzemple, en multaj (aŭ en ĉiuj?) naciaj lingvoj "donu" oni diras per unusilaba vorto (gib - germ., giv(e) - angl., daj - rus., pol., duok - litov. ktp.). La plej ofta vorto "estas" ĝuas multajn unusilabajn formojn eĉ en la germana! Tial mi aplaŭdus enkondukon de neologismo anstataŭ tiu plej fundamenta vorto. Kial ne iu "ti, tas, tis, ...tus, tu"? Nu, post tia "herezo" la uzo de "kurte" ŝajnas bagatela, ĉu?

Al tiuj, kiuj tamen ne povas digesti "kurte", sed kutimiĝis al ĉiaspecaj mallongigoj, mi proponas: imagu, ke KURTE estas ĝuste tio. Kiel deĉifri? Eble tiel: Kiu Urĝe Reagas, Tiu Evoluas; aŭ: Kiu Utiligas Realaĵon, Tiu Ekzistas... Finfine ĉiu povas mem deĉifri la kurtigon - pardonu, mallongigon - laŭplaĉe.

V.Ŝilas, la redaktoro de "Kurte".

NI NE LUDU ESPERANTON!

Studante la E-lingvon, instruante la komencantojn, ni alkutimiĝis mem kaj penas konvinki aliajn, ke E. estas tre facila lingvo, sen ajnaj esceptoj ktp. Tamen iom post iom, fariĝinte posedantoj de la lingvo, ni anstataŭ subteni ĉi tiun superecon de E. antaŭ aliaj lingvoj komencas plisimpligi kaj malpurigi ĝin per diversaĵoj.

Ni legas: "bonas" anstataŭ "estas bone", "lige" anstataŭ "konekse", "eblas" anstataŭ "estas eble" ktp.

Ĉu la lingvo pro tiaj vortofaradoj fariĝas pli bela, pli komprenebla? Dubinde estas.

Antaŭnelonge mi legis la fabelojn de Andersen en traduko de Zamenhof. Vi rigardu, kiel zorge rilatis la aŭtoro de E. al la vorto. Li nenie permesis al si senceremoniecon rilate al E-vortfarado.

Iom pri nia parola lingvo. Bedaŭrinde, iuj samideanoj kaj eĉ E-kolektivoj formis proprajn parolajn ĵargonojn, al kiuj ne ĉiuj kaj ne tuj povas alkutimiĝi. Mi povas toleri, kiam la spertuloj renkontiĝinte parolas kaj ŝerce amuzas sin per la vortofaradaĉoj. Sed preskaŭ ĉiam apud ili troviĝas komencantoj, kiuj avide ensorbas ĉiun vorton de pli sperta E-isto kaj penas pli multe kompreni. Kion do ili lernas? Des pli, kiam ili renkontas la samon en presita formo...

Mi tute subtenas la alvokon de Vilniusa E-klubo - "Lernu Esperanton ludante!". Tamen mi esperas, ke multaj min subtenos: ĉi tio ne estas la samo, pri kio mi diris supre.

M.Ziskandoviĉ (Novosibirsk).

MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO - MOZAIKO

INTERŜANĜU DIAPOZITIVOJN

Omska E-klubo "Kamomilo" havas 35 diverskolorajn diapozitivojn pri BET-17 kaj deziras interŝanĝi ilin kun aliaj E-kluboj. La adreso: 644048 Omsk-48, ul. V.Ivanova 15, kv. 44, Aniŝĉenko Ju. M.

SALUTU LA KOMENCANTOJN

En juna E-klubo fruktodone funkcias kursoj por komencantoj. Bonvolu skribi salutojn al tiuj novaj samideanoj, celante forte impulsigi ilian entuziasmon. Jen la adreso: 314000 POLTAVA, Gogol-strato 10, Dvorec profsojuzov, al la gvidanto de E-kursoj V.Grigorenko.

KUNLABORO SERĈATA

Membro de Terminara Sekcio de ĈEA, eklaborinta super aviada terminaro, serĉas samfakulojn - aviadistojn por konsultado. La adreso: Jan Pospíšil, Lipanská 265, 251 01 Říčany u Prahy, Ĉeĥoslovakio.

PAROLAS VARSOVIO, NASKIĜURBO DE ESPERANTO!

Novembro 1976 - Majo 1977

- tri fojojn ĉiutage
- al la esperantistoj en la tuta Eŭropo, al ĉiuj gesamideanoj, kiujn atingas nia voĉo.

Aŭskultu niajn disaŭdigojn kaj aŭskultigu aliajn!
Popularigu la programojn de la Pola Radio en la internacia lingvo!

Skribu al:
POLA RADIO, Esperanto-Redakcio, Poŝtkesto 46, 00-950 VARSOVIO, Pollando.

Novaĵoj - Informoj pri Pollando - Komentarioj - Socialaj kaj ekonomiaj temoj - Esperanto-temoj - Kulturo - Literaturo - Muziko

ESTIMATAJ GEAŬSKULTANTOJ!

La Esperanto-Redakcio de la Pola Radio por Eksterlando eniris jam la 19-an jaron de sia agado, ĉar nome kiel la daton de ĝia kreiĝo ni konsideras la emision de la unua disaŭdigo en la internacia lingvo, kiu okazis la 4-an de aprilo de la 1959 jaro. De tiu tempo la Pola Radio por Eksterlando senĉese emisias siajn Esperanto-programojn.

La plej granda, ekde la komenco mem, antena posedostato inter ĉiuj aliaj radiofoniaj emisiantaj en la internacia lingvo, estas nia komuna merito - de la Redakcio kaj de niaj Geaŭskultantoj. Unuavice tamen de ĉiuj niaj Geaŭskultantoj, subtenantaj nin per leteroj, konsiloj kaj precipe - per kora rilato, favorado de nia laboro, de niaj penoj.

Ni kredas, ke ni plue povas kalkuli je tiu ĉi helpo kaj kunlaboro kun ni.

La ĉefaj celoj de nia programa-antena laboro, laŭ nia plej bona kompreno, estas prezentado de Pollando, de ĝiaj atingaĵoj, kiel ankaŭ de la intencoj por la estonto. Grandan satisfakcion kaŭzas do al ni la interesiĝo pri nia lando - lando, kiun la internacia esperantista socio nomas: Patrujo de Esperanto. Honoron portas al ni la konta, ĝenerala difino: Esperantisto signifas - amiko de Pollando. La dua celo de nia agado - estas emisiado de Esperanto-informoj, same de informoj pri la pola esperantista movado, kiel ankaŭ pri la internacia.

Memoru, Karaj Geaŭskultantoj, pri ni! Daŭre traktu niajn disaŭdigojn kiel nian komunan verkon kaj atingaĵon!

Nun ni invitas aŭskulti niajn dissendojn!
8.00 h. - ondolongoj: 41 m; 49 m; 75 m; 200 m.
18.30 h. - ondolongoj: 25 m; 31 m; 41 m.
0.30 h. - ondolongoj: 41 m; 49 m; 75 m; 200 m.
(Tempo moskva - La red.)

Sendis M.Ziskandoviĉ (Novosibirsk).

La Informilo estas uzenda nur enlande! Fintajpita 26.12.76.
Ĉiujn materialojn por "A" sendu al: 121019 Moskvo d/v, Aroloviĉu V.S.